# Esperanto en Azio kaj Oceanio

**(Azia-Oceania Komisiono de UEA pri Azia-Oceania Esperanto-Movado)**
**N-ro 99**
Bulteno de KAEM
Aprilo 2018

--------------------------------------------------------------------------------

## Saluto de Prezidanto



### Hisas, ĝisas, kaj refoje hisas

Karaj geamikoj en Azio kaj Oceanio,

Sinsekve okazas evento post eventoj en Azio kaj Oceanio. Post la Komuna Seminario en Chongqing, Ĉinio, kiu estas origine la renkontiĝo de gejunuloj inter 4 landoj, sed ĉi-jare inter 2 landoj, tuj postkuris la 2-a Trilanda Kongreso de Esperanto kaj Somerkursaro en Bekasi, Indonezio. Kaj nin atendas Kuŝejo, 1-a Kunveno de Sudorientazia Junularo en Ayutthaya, Tajlando. Ni hisas por iu renkontiĝo, kaj je la fino ni ĝisas promesante rerenkonton. Kaj ni baldaŭ rehisos por alia kongreso.

En tri monatoj ni devas paki grandan valizon por ILEI-Kongreso en Madrido, Hispanio, kaj UK en Lisbono, Portugalio. UEA kaj ĝia organo vere allogas nin per fotoj de Lisbono kaj la intervjuo de Konstanta

Kongresa Sekretario sur « Esperanto » kaj fejsbuko. Nia korpo estas unu, kaj la kunvenoj, kongresoj, kaj renkontiĝoj abundas apud ni. Plene buntas la esperanta mondego.

Mi skribas kaj sendas almenaŭ unu salutvorton ĉiumonate por la eventoj kaj ĉiun trian monaton por nia organo. Kaj mi jen ricevas la rezulton sur papero aŭ tiun en la pdf-formo, kaj jen mi eĉ ne scias, ĉu ĝi estis prezentita ie aŭ ne. Iu petas mian saluton antaŭ unu monato sufiĉe frue, kaj alia petas ĝin je la lasta horo, kio hastigas min.

Se mi malvualas la peneton de la estraro de nia komisiono, 3 homoj ricevas po 4-5 retmesaĝojn ĉiutage, kaj devas interŝanĝi opiniojn inter ni kaj koncernatoj, respondi por la demandoj kaj petoj, kaj raporti al UEA, sed sen oficistoj. Je tiu punkto mi dankas vicprezidanton kaj sekretarion de nia komisiono. Mi devus danki redaktanton de nia organo, inkluzive korektantojn kaj provlegantojn. Notindas mencii ankaŭ ĉiujn landajn reprezentantojn, kiuj ludas tre pezajn rolojn. Mi tamen petas de ĉiuj, ke ni klopodu perfektigi la rezulton kaj sistemigi la proceson, kiam ni plenumas la internaciajn eventojn kaj kunlaborojn, en kiuj oni ofte rekontas malfacilojn pro varieco de kutimo, kulturo, sistemo kaj ekonomia stato.

En proksima tago ni ricevos reklamojn kaj informilon kun aliĝilo de la 9-a Azia-Oceania Kongreso de KAEM en Danang, Vjetnamio, inter la 25-28a de aprilo 2019. La estraro petas de ĉiuj grandan intereson pri tio, kaj varbon en la skaloj de landa asocio, fakkunsido, diskutgrupo ktp.

Printempo tuŝu vian koron kaj floroj allogu vin por ripozo, mi preĝas !

Amike via SO Jinsu

## **Reklama filmo de la 9-a AK sur Fejsbuko.**

https://www.youtube.com/watch?v=zKbmfvV-vXo

# Ni atendas vin en Danang, Vjetnamio,
# kie okazos la 9a Azia, Oceania Kongreso
## la 25a-28an de aprilo 2019

**LKK de la 9-a Azia-Oceania Kongreso en Vjetnamio**







**De maldekstre**

| | |
|---|---|
| Nguyễn Văn Lợi | Prezidanto, Programo |
| Trần Quân Ngọc | Vic-prezidanto, Trejnado en Hochiminh |
| Nguyễn Thị Phương Mai | Vic-prezidanto kaj Sekrektario |
| Phạm Mai Lan | Kasisto |
| Nguyễn Văn Hà | Kongresejo |







**De maldekstre**

| | |
|---|---|
| Trịnh Hồng Hạnh | Artaj aranĝoj |
| Nguyễn Thị Nếp | Helpantoj |
| Trần Thị Hoan | Informado |
| Bùi Hải Mừng | Ekskursoj |
| Dương Tú Kiều | Giĉeto |

# Kongres-urbo de la 9a Azia, Oceania Kongreso Danang, Vjetnamio

## 1. Pri la urbo

Danang situas en la centra parto de Vjetnamio 764 kilometrojn for de Hanojo kaj 964 kilometrojn for de la urbo Ho Chi Minh. Ĝi kuŝas en la norda-suda transporto-akso de ter- rel - mar- kaj aer-vojoj. La urbo havas la areon de 1,283.42 $km^2$ kaj 942 132 loĝantojn.

Danang havas multe da belaj vidindaĵoj. Alvenante la urbon, vi havas ŝancon admiri la naturajn mirindaĵojn en la Altebenaĵo Ba Na, esplori ĝangalon en Duoninsulo Son Tra, ĝui pejzaĝon de la Marmoraj Montoj, viziti Intermonton Hai Van, preĝi al la plej alta statuo de Bodisatvo en Vjetnamio (67 metrojn alta) en la pagodo Linh Ung, kaj viziti Muzeon de Cham-skulptaĵoj, kie oni konservas kaj ekspozicias la antikvajn statuojn de Cham-kulturo.

Danang, la urbo apud Rivero Han, kiel alloga, dinamika, pura kaj sekura urbo, rapide disvolviĝas. La beleco kaj spiro de Danang ofertas al vi belan trankvilon kaj multe da tempo por serĉi la trankvilon ĉe animo, manĝante en restoracioj, butikumante en superbazaro, amuzante vin en noktoklubo, aŭ simple elirante sur la belaj stratoj por ĝui Danang en nokto.

De Danang, vi povas oportune iri al kvar famaj mondaj heredaĵoj, inkluzive de la nacia parko Phong Nha-Ke Bang, Citadelo Hue, la malnova urbo Hoi An kaj Sanktejo My Son Cham.

## 2. Klimato

Danang havas tropikan muson-klimaton, ofte kun alta kaj pli senŝanĝa temperaturo. Ekzistas du sezonoj jare: pluvsezono daŭranta de aŭgusto ĝis decembro kaj seka sezono de januaro ĝis julio.

De januaro ĝis julio: Tage la suno brilas brulige; tial vi portu jakon kaj prenu kontraŭsunbruniĝan kremon por protekti vian haŭton. Vespere, t-ĉemizo kaj pantalono estas forte rekomendataj por komforteco.

De aŭgusto ĝis decembro: Vi kunportu pluvmantelon aŭ ombrelon antaŭzorgante subitan pluvon. Krome, estas malvarmete dum novembro kaj decembro; mantelo estas necesa por protekti vian korpon kontraŭ malvarmo.

## 3. Transporto

Turistoj ne havus malfacilaĵojn alveni al Danang. La internacia flughaveno de la urbo funkcias je granda kapablo (ĝi akceptas ĉirkaŭ 6 milionojn da pasaĝeroj jare) kaj malfermis multajn rektajn flugliniojn. La haveno Tien Sa estas alia martrafika centro de la urbo kun luksaj plezurŝipoj.

La centra parto de Danang estas sufiĉe kompakta. Vi trovos, ke estas facile piediri al multaj lokoj. Taksioj provizas vin per komforta rimedo iri tien kaj ĉi tien en la urbo. Taksioj disponeblas 24 horojn ĉiutage. Vi povas preni taksion ĉe hotelo, taksi-enveturejo kaj sur ĉefaj stratoj. La prezo estas kalkulita laŭ la veturdistanco.

## 3. Gastronomio

Turistoj estos superfortitaj de la abundeco kaj diverseco de loka gastronomio. La manĝaĵoj estas ne nur bongustaj, sed ankaŭ malmultekostaj.

« Quang-nudelo »



« Vjetnama patkuko »



« Porkaĵo rulita kun pastofolia kuko » « Helikoj »





« Marproduktaĵoj » « Dolĉa fabosuko »





**4. Turismaj lokoj**

« Altebenaĵoj Ba Na » « Ponto Drako »





Drako kraĉas fajron kaj akvon: Je la 9a vespere sabate kaj dimanĉe vi povos vidi drakon kraĉantan fajron kaj akvon sur la ponto Drako.

« Strando My Khe »



« Sanktejo My Son »



« Marmoraj Montoj »



« Pagodo Linh Ung »



**5. Evento**



La ponto Han turnas sin meznokte ĉiutage Han-rivero ne nur donas unikan belecon, sed ankaŭ estas alloga pro interesa fakto, ke la Ponto Han povas turni sin je 90 gradoj. La ponto ĉiunokte moviĝas, simbolante junan, dinamikan urbon. Multe da homoj atendas ĉi-momenton, vizitante Danang.

## Ĉinio

## 【Zaozhuang】

### Oficiala Esperanto-fako en Zaozhuang-a Universitato

Kvarjara Esperanto-fako de Zaozhuang-a Universitato estis promesita de Ĉina Ministerio de Edukado la 21-an de marto. Tio signifas, ke post Ĉina Komunika Universitato, kiu kelkajn fojojn havis la fakon de Esperanto, ekestos la dua universitato kun oficiala edukado de Esperanto. Laŭ plano la studentoj de Esperanto por kvarjara studo povos akiri diplomon de bakalaŭro pri literaturo. Por kontentigi la profesion kaj laboron, ni instruos Esperanton kaj la anglan en du direktoj nome komunikado kaj interreta komercado. Bonvolu sendi vian opinion al ni por ke ni povu pli bone efektivigi la planon.

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 曲阜师范大学 | 数据科学与大数据技术 | 080910T | 工学 | 四年 | |
| 泰山学院 | 数据科学与大数据技术 | 080910T | 理学 | 四年 | |
| 泰山学院 | 书法学 | 130405T | 艺术学 | 四年 | |
| 聊城大学 | 金融工程 | 020302 | 经济学 | 四年 | |
| 聊城大学 | 运动康复 | 040206T | 理学 | 四年 | |
| 聊城大学 | 西班牙语 | 050205 | 文学 | 四年 | |
| 聊城大学 | 数据科学与大数据技术 | 080910T | 理学 | 四年 | |
| 济宁学院 | 新能源科学与工程 | 080503T | 工学 | 四年 | |
| 济宁学院 | 数据科学与大数据技术 | 080910T | 工学 | 四年 | |
| 济宁学院 | 电子商务及法律 | [illegible] | 管理学 | 四年 | |
| 枣庄学院 | 世界语 | 050241 | 文学 | 四年 | |
| 枣庄学院 | 数据科[illegible]大数据技术 | 080910T | 理学 | 四年 | |
| 枣庄学院 | 数字媒[illegible] | 130508 | 艺术学 | 四年 | |
| 德州学院 | 数据科[illegible] | 080910T | 工学 | 四年 | |
| 德州学院 | [illegible] | [illegible] | [illegible] | [illegible] | |
| 菏泽学院 | [illegible] | [illegible] | [illegible] | [illegible] | |
| 菏泽学院 | [illegible] | [illegible] | [illegible] | [illegible] | |
| 菏泽学院 | [illegible] | [illegible] | [illegible] | [illegible] | |
| 临沂大学 | [illegible] | [illegible] | [illegible] | [illegible] | |

枣庄学院　世界語　050241　文学　四年
Zhaozhuang-a Universitato, Esperanto, 050241
Literaturo, 4 jaroj

### 6500 homoj vizitis Esperanto-Muzeon de Zhaozhuang-a Universitato

En 2017 6500 homoj vizitis Esperanto-muzeon. Nun la universitato konstruas novan muzean konstruaĵon en alia loko proksima al la urba centro. S-ro Sung Mingxiao, la muzeestro, diras : « La celo estas, ke Esperanto estu komuna proprietaĵo de la Homaro ».

Semio semio@163.com

## 【Liaoning】

## Eduka kaj Esplora Centro de Esperanto-kulturo fondiĝos

Nun mi plezure informas vin, ke Eduka kaj Esplora Centro de Esperanto-kulturo oficiale fondiĝos en Orienta Liaoning-a Universitato en la 29-a de aprilo. Ĝi estas la unua esplorcentro de Esperanto-kulturo en Ĉinio. Tiutage ankaŭ fondiĝos "Esplora Bazo de Esperanto" de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio.

## Kunsido speciala por Esperanto en altlernejoj

La 10-an de marto 2018 en la urbeto Fengcheng LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio) okazigis kunsidon specialan por Esperanto en altlernejoj. Ĝin ĉeestis entute 40 personoj, i.a. tri estroj el Esperanto-asocioj de la du provincoj Heilongjiang kaj Jilin, kaj de la Aŭtonoma Regiono de Interna Mongolio. Profesoro Liu Zhengkun, prezidanto de la asocio, faris la bonvenigan paroladon, kaj s-ino Jiao Xiyang, ĝenerala sekretario de la asocio, prezidis. S-ro Sun Lianshan, juna entreprenisto, financis tiun ĉi aktivadon.



Por la kunsido la asocio speciale invitis kelkajn edukajn specialistojn el tri universitatoj krom s-ro Song Yunsheng, fama tradukisto kaj verkisto. Ili estas el Shenyang-a Universitato profesoro Zhang Zhiming, vic-prezidanto de Liaoning-a Asocio de Veteranaj Profesoroj kaj ĝenerala sekretario de Liaoning-a Instrua kaj Esplora

Asocio de Fremdlandaj Lingvoj, profesorino Wang Yan, prezidanto de Instituto de Fremdlandaj Lingvoj kaj Docento Pan Chengbo, el Liaoning-a Universitato profesorino Xu Jun, kaj el Orienta Liaoning-a Universitato profesoro Lu Yan kaj profesoro Hu Guohong. Indas mencii, ke la plej granda parto el ili ligiĝas al Esperanto. S-ro Song kaj prof. Zhang estis eksaj vicprezidantoj de la asocio kaj instruis Esperanton. Docento Pan kune kun profesorino Wang Wenyu kreis en la mondo kordon, ke ili instruis Esperanton al pli ol 600 studentoj en 2006. Por instigi kaj gratuli ilin s-ro Wu Guojiang en la nomo de s-ro Hori Jasuo donacis al ili la libron « Raportoj el Japanio ». Prof. Lu estas prezidanto de Dandong-a Esperanto-Asocio. Prof. Hu enkondukis Esperanton en la Rapidega Instituto de Fremdlandaj Lingvoj, kiun li gvidas.

Post la kunsido oni kelkfoje okazigis retan diskuton en la pasinta monato. Finfine naskiĝis du rezultoj: Oni konsideras konstrui Esplorcentron de Esperanto-kulturo unue en Orienta Liaoning-a Universitato, poste en Shenyang-a Universitato kaj Liaoning-a Universitato. Precipe post la kunsido estroj de LEA invitite vizitis tiun universitato tiucele. Profesoro Hu Hongguo prezentis la universitaton kaj evoluan planon de la Esplorcentro. Li diris, ke la sidejo de la onta Esplorcentro estos en instrua domego nomata Wenqin de la Universitato.

Oni oficiale konfirmis, ke la 10-a Esperanto-kongreso de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio, kutime la nomata Kongreso de Tri Provincoj kaj Unu Regiono, okazos la 6-an kaj la 8-an de julio 2018 en Fencheng, kiu apartenas al Dandong, najbara al Norda Koreio, la plej granda lima urbo de Ĉinio. Enlandaj kaj eksterlandaj esperantistoj estas bonvenaj.

Raportis Wu Guojiang, vic-prezidanto de LEA, Ĉinio
Retadresoj: ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com

# Barato

## Bengaluraj Esperanto-Renkontiĝoj



La 14an de aprilo 2018, 7 esperantistoj kunvenis en la Parko Cubbon en Bengaluro en suda Barato. Dum tiu 33-celsia tago, en la bonveniga ombro de la arboj en la parko, ili babilis, kunteumis, kaj kunlegis Esperanton -- ĉi-foje la libreton "La sindonema arbo" de S. Silverstein (tradukita de SO Gilsu).

Tiu aprila kunveno estis la 18a BERo -- Bengalura Esperanto-Renkontiĝo. Jam de aŭgusto 2016, pli-malpli ĉiumonate, esperantistoj kunvenas en tiu ĉi parko. En la parko ni trovis oportunan sidlokon, kiun ni baptis E-Roko! La plej malgrandan BER-on ĉeestis 2 homoj; la plej grandan 10. La 117 partoprenantoj en niaj 18 BER-oj ĝis nun konsistas el 30 unuopaj geamikoj.

Tiuj geamikoj venas plejparte el Bengaluro mem. Efektive multaj el ili estas studentoj de la Universitato Azim Premji, kie viglas Esperanto-klubo. La ceteraj apartenas al tre diversaj profesioj: advokato, arkitekto, doganisto, fervojisto, grafikisto, inĝeniero, ĵurnalisto, kuracisto, profesoro, programisto, studento, vojaĝagento....

Krom bengaluranoj, venas al nia E-Roko ankaŭ vizitantoj -- kaj enlandaj kaj eksterlandaj. La Amikumu kaj la Facebook-grupo de Duolingo foje donas al ni novajn BER-umantojn!

Fakte, ĉiu BER-o estas anoncata ne nur en la landa retlisto, sed ankaŭ en la tujmesaĝila grupo "Barataj Esperantistoj" en Vacapo (angle: WhatsApp). Tiu grupo havas nun preskaŭ 70 membrojn. Fotoj kaj informoj de la BER-o estas dividitaj kaj plusenditaj al la grupo, kaj mesaĝojn de la grupanoj legas la BER-umantoj. Tiusence ĉeestas niaj BER-oj multe pli da homoj ol la fizikaj ĉeestantoj mem!

A. Giridhar RAO (rao.giridhar@apu.edu.in)

# Nepalo

## Sukcese okazis la 3a Speciala Ekskurso 2018 en Nepalo

La 3-a Speciala Ekskurso okazis de la 26-a de februaro ĝis la 8-a de marto 2018. Partoprenis la tutan programon entute 27 esperantistoj, kaj simila nombro nur parton. La partoprenantoj inkluzivas 1 personon el Belgio, 2 el Ĉinio, 1 el Brazilo, 6 el Japanio, 1 el Vjetnamio kaj 1 el Usono; ĉiuj aliaj estis nepalanoj. La ĉi-jara celo de la programo estis inviti esperantistojn de ĉiuj aĝgrupoj por ĝui la mondfamajn lokojn de Nepalo kaj florigi la Esperanto-movadon en la lando.




La programo komenciĝis la 26-an de februaro per akceptado de la gastoj; NEspA formale bonvenigis ilin la 27-an vespere en Marshyangdi-hotelo en Thamelo. La prezidantino de NespA, s-ino Indu

Devi Thapaliya, la ĉefo de la renkontiĝo, s-ro LP Agnihotry, ano de KAEM, d-ro Mukunda Raj Pathik, kaj speciala gasto s-ro Hori Jasuo solene malfermis la programon. Reprezantantoj el diversaj grupoj (Vjetnamio: s-ro Ha, Ĉinio: s-ino Lu, Belgio : Marc, Usono : Roy, Japanio : s-ro Hori, Brazilo : Zilda, KAEM-ano : d-ro Mukunda Raj Pathik, kaj Renkontiĝo-ĉefo : s-ro LP Agnihotry, Prezidanto de NespA : Indu Devi Thapaliya deziris sukceson al la Renkontiĝo.

La 11-taga ekskurso komenciĝis la 26-an de februaro post du tagoj dediĉitaj al vizitado de Katmandua valo. La grupo vojaĝis al Daman kaj poste al Ĉitŭan, nacia parko, restis tie du noktojn. Ĉeestantoj ĝuis elefantrajdadon, boatadon, kulturan programon kaj aliajn agadojn.

La 4-an de marto la tuta grupo ekveturis al Lumbini, la naskiĝloko de Budho, kaj la 5-an de marto ni atingis la montaran vilaĝon Ŝirubari norde de Lumbini. Ŝirubari estas fama pro siaj *gurung*aj kultruroj kaj natura beleco. La 6an de marto ni bonvenigis la gastojn en la turisma urbo Pokhara. Dum du tagoj ni turismis en famaj lokoj de Pokhara. La 7-an de marto ni ekis reen al Katmanduo post la vizitado de la fama loko Sarankot, de kie oni povis vidi ĉiujn famajn montojn de la regiono.

La 8an de marto okazis adiaŭa vespero en la halo de Marshyangdi-hotelo en Thamel kun vespermanĝo. Ĉiuj parolantoj emocie dankis al la organizantoj pro la realigo de la Speciala Renkontiĝo.



Fine ni dankas al ĉiuj organizoj, individuoj kaj partoprenantoj, kiuj helpis sukcesigi la Specialan Ekskurson en Nepalo.

Raportis Bharat K. Ghimire

# Indonezio

## La Dua Trilanda Kongreso en Bekasi




Ekde la 28-a de marto ĝis la 2-a de aprilo 2018 okazis la Dua Trilanda Kongreso en la urbo Bekasi, la dua plej granda urbo de okcidenta Javo.

Ĉi-jare la kongreso estis malpli granda ol la unua Trilanda Kongreso en 2016. Partoprenis 37 indonezianoj kaj 29 eksterlandanoj el 7 landoj, Aŭstralio, Nov-Zelando, Belgio, Hispanio, Koreio, Filipinoj kaj Orienta Timoro. Inter la kongresanoj troviĝis novuloj kaj junuloj el diversaj partoj de Indonezio. Pro la vojaĝsubteno disponigita de konto iesa-p ĉe UEA, ni sukcese venigis ilin. Ankaŭ estis bonega afero, ke venis 10 orienttimoranoj pere de subvencio aranĝita de Heidi Goes.

Vespere en la unua tago, la kongreso malfermiĝis. Unue la organizantoj de la tri landoj bonvenigis la kongresanojn. Post la diversaj

salutvortoj, ĉiuj prelegantoj havis eblecon por inviti kongresanojn al siaj prelegoj kaj laste ni kune kantis la himnon, La Espero. Ni ankaŭ ludis amuzajn ludojn en interkona vespero.

En la sekvanta tago kelkaj gravaj prelegoj okazis, kiel prelegoj de Humphrey Tonkin, kiu parolis pri la nuna situacio de Esperanto en la mondo, kaj la prezidanto de UEA, Mark Fettes, pri nuna situacio de UEA. Tiuj prelegoj estis aranĝitaj bone per skajpo. Samtempe en aliaj salonoj du invititaj instruistoj instruis Esperanton al komencantoj kaj progresantoj. Aliaj interesaj prelegoj estis prezentitaj de Albert Stalin Garrido, junulo el Filipinoj, kaj partoprenantoj el Aŭstralio kaj Hispanio.

Vendrede, la 30an de marto, okazis denove prelego per skajpo kun Jonathan el Aŭstralio. Poste pluraj prelegoj pri kulturo kaj aliaj interesaj temoj riĉigis la konon de kongresanoj. Vespere la grupo de orienttimoranoj prezentis bele la artan spektaklon. Sekvante ĝin, la kongresanoj grupe aŭ sole montris sian prezentadon en Arta Vespero.

En la ekskursa tago, sabate, ni forveturis al Ĝakarto por viziti la nacian galerion. Poste la partoprenantoj vizitis la nacian muzeon kaj "Taman Mini Indonesia Indah", kiu estas rekomendinda loko por ke oni iom konatiĝu kun la diverseco de la indonezia kulturo. Vespere la aktivulo el Balio, Pande Sri, prelegis pri sia Esperanto-agado kaj sekve estis lingva festivalo, kies celo estis por iom lerni kaj praktiki aliajn fremdajn lingvojn.



La 1-an de aprilo, grupo de kongresanoj partoprenis la senveturilan tagon, kiu regule okazas matene en dimanĉo. Inter 6:00 kaj la 10:00 la aŭtomobiloj estas forpelitaj de la ĉefa strato de Bekasi. Tiel la homoj povas libere marŝi, bicikli aŭ kuri. Dum unu horo ni utiligis la eventon por reklami Esperanton al neesperantista publiko. Por kapti la atenton de ĉirkaŭaĵo, ni marŝis kun kongresa standardo, kantis kaj dancis kune. Poste kelkaj homoj proksimiĝis kaj demandis nin pri Esperanto kaj nia agado.



Impona prelego pri la historio de Indonezia Esperanto-movado estis prezentita de Heidi Goes. Ŝi esploris multajn detalojn pri diversaj indoneziaj esperantistoj, lokoj kaj eventoj. Sekve, Carlos Spinola prelegis pri uzado de Esperanto en la universitato de Valencio en Hispanio. Ankaŭ aliaj prelegoj estis interesaj kiel tiu de Park Soohyean pri la manĝaĵkutimo de la korea tradicia festotago. Vespere ni kune iris al restoracio por bankedo.

En la lasta tago, matene okazis la fermo. Ni dirus, ke la kongreso estis sukcesa, ĉar la komentoj de partoprenantoj ĉefe estas pozitivaj. La ferma ceremonio multe substrekis, ke la valora aspekto de la kongreso estis amikeco. Por la tria kongreso, ni iomete komencis esplori la eblecon organizi la komunan eventon en Balio post du aŭ tri jaroj.

Ilia Sumilfia Dewi : ilia.dewi@gmail.com

# Iom da agado okaze de la Trilanda Kongreso

Heidi Goes heidi.goes@gmail.com

Pro invito de AEA kaj NZEA, al kiuj iras mia elkora danko, mi povis prelegi pri la historio de la indonezia Esperanto-movado dum la dua Trilanda Kongreso de Esperanto en Bekasi, Javo. Pri mia tiu-tema libro min intervjuis Franciska Toubale por la radio 3zzz. Alia por mi aparte ĝojiga afero dum tiu kongreso estis, ke mi povis priparoli la Esperanto-agadon en Orienta Timoro kun dek el miaj lernantoj, kaj vidi kiel ili prezentis interalie kantojn kaj dancojn al la publiko.

Tamen, ĉar laŭ mi ne indas flugi tiom for por nur kelkaj tagoj, mi entute pasigis tri semajnojn en Javo. Mi vizitis amikojn kaj 'familianojn' (de mia kultura interŝanĝ-restado antaŭ 23 jaroj...), al kiuj mi kompreneble rakontis pri Esperanto, kaj ĉe kelkaj lasis ĉu ŝlosilo, ĉu Fundamento en la indonezia (por tiu lasta dankindas la Esperanto-klubo de Bruĝo, kiu ilin pagis). Plie, pro tio ke ili ne sukcesis veni al la kongreso, mi vizitis du indoneziajn veteranojn: Rijanto Husadha kaj Gunawan Esperantista Wibisana. Mi povis donaci al ili kongreslibron kun salutoj de la kongresanoj kaj respektive kongrestaso kaj kongressako. Bedaŭrinde mi ne plu povis viziti Herao Wibisono, sed mi fine sukcesis kontakti lian filon, kiu promesis aranĝi iam retan babiladon inter ni, kaj la kongreslibro estas sendita al li de Ilia Sumilfia Dewi.

En la Universitato de Semarang mi donis, laŭ peto de Imam Prayogo, 45-minutan enkondukan lecionon al ĉirkaŭ 50 el liaj studentoj. Ili entuziasmiĝis, kaj unu el ili tuj la saman tagon verkis artikolon pri la leciono kaj pri Esperanto en la retpaĝo de la ĵurnalo *Tribun Jateng* (Meza Javo). Ne klaras, ĉu ĝi aperis ankaŭ papere. Mi provis viziti la filon de Liem Tjong Hie, sed li estis eksterlande por prizorgo en malsanulejo. Mi ja sukcesis kun Imam viziti Henry Hartaka Hardjadinata, kiu estis iam lernanto de Francis D. Yury.

De Semarang min veturigis Lia Elizabeth, alia antaŭe lernanto de Francis D. Yury, al Lasem. Tie mi pasigis horojn inter malnovaj Esperanto-libroj, klare devenaj el la iama biblioteko de Liem Tjong Hie, unu el la plej aktivaj esperantistoj de Indonezio dum jardekoj. Mi sukcesis trovi kelkajn raraĵojn, kaj plurajn ekzemplerojn de lia lasta revuo, *Indonezia Esperantisto*. Bedaŭrinde la tuto estis tro malbone konservita, pluraj ekzempleroj jam disfaletis kaj/aŭ jam montris spurojn (kaj precipe odoron) de ŝimo, ke ne indis (nek estus sana) kunporti/aĉeti la tuton.



Ekzemplerojn de *Indonezia Esperantisto* mi lasis al Esperantista Gunawan Wibisana kaj Hendrikus Franz Josef. La unua jam antaŭe ricevis ankaŭ legolibrojn kaj sufiĉe da ekzempleroj de la Fundamento por la esperantistoj en Yogyakarta (sed ili ankoraŭ ne iris por preni siajn ekzemplerojn...). La dua laboras por regiona biblioteko en Yogyakarta, kaj kvankam la revuo estis eldonita en Semarang, ĝi povus konserviĝi tie. En Yogyakarta mi ankaŭ sukcesis renkonti la poeton kaj aŭtoron Yohanes Manhitu, kaj pere de li kelkaj entuziasmuloj por Esperanto. Kontraŭe al multaj antaŭaj membroj de la klubo en tiu urbo, kiuj studis tie kaj poste forlasis ĝin, ili loĝas tie, kaj do, se ili sufiĉe entuziasmas por lerni, tio estus bona afero. Precipe, ĉar ili estas aktivaj kajto-ludantoj, kaj konkursas je internacia nivelo. Ili eĉ proponis, ke al sekvaj eksterlandaj konkursoj partoprenu nur tiuj membroj kiuj parolas Esperanton... Ni vidu... Reen en Ĝakarto mi lasis serion de *Indonezia Esperantisto* ankaŭ ĉe Ilia Sumilfia Dewi, por Indonezia Esperanto-Asocio.

# Orienta Timoro

## Iom da historio kaj iom da planoj…

Esperanto estis enkondukita en Orienta Timoro de Heidi Goes en 2013, interalie ĉe la oficejo de RTTL (Nacia Radio kaj Televido). En septembro 2014 ni fondis en Dilio la klubon "La tri lagoj": ni lernis ĉi tiun lingvon en sabato kaj dimanĉo.

Post tio, Teófilo estis proponita por partopreni la kongreson en Aŭstralio en januaro 2015 kaj poste li kaj Cornelio partoprenis aliajjn kongresojn en Slovakio (SES), Belgio (ILEI-konferenco), Francio (UK), kaj Germanio (IJK) en 2015.

Fine de 2016 Heidi Goes daŭrigis instrui dum sia tria kaj ĝis nun lasta vizito al Orienta Timoro, interalie al novaj studentoj ĉe UNTL (Nacia Universitato). En 2017 João da Cruz da Imaculada de Araújo Gomes partoprenis la Universalan Kongreso en Koreio.

Dum la Trilanda Kongreso en Bekasi, Indonezio, partoprenis dek orienttimoranoj: Teófilo, João, Carlos, Januaida, Maria, Mateus, Aldroaldo, Fredio, Zerecoronho kaj Lídia. Plejparte el ili partoprenis la kursojn kaj ricevis atestilojn. Ili ankaŭ kunmetis orienttimoran vesperon kun poezio, kantoj, dancoj, magio kaj kapoejro.

Pri tiu kongreso kaj la orienttimora partopreno vidu https://www.sites.google.com/site/esperantoenorientatimoro/en_la_amaskomunikiloj/2018.

Fine de ĉi kongreso ni fondis novan klubon, de kiu Lídia Aquelina Imaculada Conceição iĝis prezidantino. Nia celo estas grupigi junajn aktivulojn kiuj studas en la nacia universitato UNTL.

Momente Petro Smith el Nov-Zelando, esperanta denaskulo, kaj Tai Chi-praktikanto instruas ĉiun labortagon fruematene Esperanton en la biblioteko Xanana Reading Room, momente nur al Teofilo.

Pluraj aliaj eksterlandanoj planas viziti Orientan Timoron baldaŭ: el Japanio, Hispanio, Aŭstralio kaj Indonezio. Ni esperas, ke ili helpos nin praktiki la lingvon, eventuale helpos allogi novulojn.

Teofilo kaj Mateus planas daŭrigi la faradon de mallongaj filmetoj, ekzemple pri turismaj lokoj. Nia grupo helpos ankaŭ purigi la plaĝon

proksime de la fama statuo de Orienta Timoro, Cristo Rei (Reĝo Kristo).

Ni ankaŭ esperas ke kelkaj el ni povos iri al la Universala Kongreso en Lisbono. Se vi volas helpi pri tio, bv. ĝiri vian kontribuon al la UEA-konto 'timoro'. Certe plia partopreno en la UK helpos al ni koni la movadon pli bone, kaj povi pli bone kontribui al ĝi. Antaŭdankon!

Lídia Aquelina Imaculada Conceição kaj Heidi Goes

# Israelo

## Du novaĵoj: nova revuo kaj kurso por lernantoj

Aperis duobla n-ro 164/165 de Israela Esperantisto. 56-paĝa, rete http://esperanto.org.il/dosieroj/ie164-165.pdf. La papera versio estas presata kaj sendota al pli ol 200 membroj en Israelo kaj abonatoj eksterlande. En ĝia literatura parto aperas premiita novelo pri fantazia renkontiĝo inter la gefiloj de Zamenhof kaj Ben Yehuda (trad. A.Wandel), kaj la daŭrigo de la artikolo pri la judaj poetoj en Rusio (Mikaelo Bronshtejn).




Vendrede finiĝis Esperanto-kurseto en mezlernejo en la urbo Modiin, instruita de A.Wandel, en kiu studis 18 lernejanoj de la 10a klaso (aldonita foto). Amri Wandel, Prezidanto de ELI

## Uzbekio

## La Internaciaj Letertagoj

Ankaŭ en 2018 la Internaciaj Letertagoj "Assalom, Navro'z! - Saluton, Naŭruzo-2018!" bone sukcesis.

Multenombre alvenis leteroj kaj aliaj materialoj el plej diversaj partoj de la terglobo. Pluraj reeĥoj estis publikigitaj en nialandaj paperaj aŭ/ kaj retaj periodaĵoj. La vortoj 'Esperanto' kaj 'esperantistoj' diversloke renkonteblas en la artikoloj.

Vidu la kunsendatajn dosierojn:

- Du artikoloj "Assalom, Naŭruzo-2018!" en niaregiona taĝĵurnalo "Samarkandskij Vestnik".
- Artikolo "La festo, kiu unuigas kaj plinobligas la mondon" en la populara familia semajna gazeto "Lady" legata en ĉiuj regionoj de la lando. La du-paĝa artikolo estis anoncita ankaŭ surkovrile de la gazeto.
- Artikolo "Unuigante homojn de la planedo" en la tutlanda taĝĵurnalo "Pravda Vostoka".
- Artikolo "Assalom, Naŭruzo-2018!" en la urba taĝĵurnalo "Samarqand" kaj ĉi-subaj retligiloj:

Kultura-Uz - landa prikultura reta revuo:
http://www.kultura.uz/view_2_r_11143.html

- Pv.Uz - reta eldono de la tutlanda taĝĵurnalo "Pravda Vostoka":
http://www.pv.uz/ru/obshchestvo/obedinyaya-lyudey-planety
(la artikolo aperis ankaŭ en la papera versio)

- Nuz.Uz (Novaĵoj de Uzbekio) - landa reta gazeto:
https://nuz.uz/kultura-i-iskusstvo/31332-mezhdunarodnye-dni-pisma-assalom-navruz-2018-v-drevnem-samarkande.html
http://uz.utro.news/mezhdunarodnye-dni-pisma-assalom-navruz-2018-drevnem-18032315000055.htm

Laŭbezone, por kompreni la enhavon de retaj artikoloj, vi povas Esperantigi aŭ nacilingvigi la tekstojn, helpe de Translate.Google.Com (aŭ similaj traduksistemoj).

Anatoli Ionesov, Enciklopedia projekto "Samarkandiana"
P.O. Box 76, UZ-140100 Samarkando, Uzbekio, imps86@yahoo.com

# Rusio

## Rusaj esperantistoj en la azia parto de Rusio partoprenu en Azia Movado

REU nomumis la novan komisiiton pri rilatoj kun KAEM, kaj mi promesis helpi al li pri tiu ĉi agado. Mi opinias, ke ne nur li devas okupiĝi pri tio, sed ankaŭ aliaj rusaj esperantistoj, loĝantaj en la azia parto de Rusio. Tial mi decidis skribi publike.

Fine de la 1980-aj jaroj mi eksciis, ke sud-korea esperantisto SO Gilsu vizitos Novosibirskon. Mi speciale veturis al Novosibirsk por renkontiĝi kun li. Ni bone pasigis la tempon kaj sukcese interkonatiĝis. Li abonigis min al "Bulteno de KAEM". Kaj ekde tiu tempo dum jardekoj mi estis bone informita pri la agado de KAEM. En 1994 en Seulo (Suda Koreio) okazis Universala Kongreso (UK) de Esperanto. Mi legis en "Bulteno de KAEM", ke enkadre de la UK okazos "Azia Karavano", al kiu estas invitataj po 1 esperantisto el ĉiu azia lando. En tiu tempo s-ro SO Gilsu jam iĝis la vicprezidanto de UEA, la respondeculo pri la azia agado de UEA kaj la ĉeforganizanto de Azia Karavano. Ĉiuj membroj de Azia Karavano rajtis partopreni la UK-on en Seulo, la tuj postan ILEI-Konferencon apud Seulo, la tuj postan IJK-on en Chonan senpage. Kaj la vojaĝo kun la karavananoj tra 12 koreaj urboj kun riĉa turisma programo estis ankaŭ senpage. Ili ricevis ankaŭ sufiĉe grandan poŝmonon. Mi skribis al s-ro SO Gilsu pri mia deziro aliĝi al Karavano. Mi estis la sola deziranto el Rusio, kaj li akceptis min. Entute al la karavano aliĝis 11 personoj el 10 landoj. La organiza komitato planis akcepti pli multajn esperantistojn, sed el multaj landoj ne venis petoj. Kaj ĉiujn niajn vojaĝkostojn el niaj loĝlokoj kaj reen la organiza komitato ankaŭ pripagis.

La karavananoj en la UK kaj en la ILEI-Konferenco partoprenis kursojn de E-instruado laŭ CSEH-metodo kaj ekzameniĝis ankaŭ senpage. Mi ricevis CSEH-diplomojn de "A"- kaj "B"-gradoj kaj mezan

diplomon de UEA-ILEI kun rezulto "tre bone". Tiu ĉi lasta diplomo pri instruado de Esperanto restas la plej altgrada en Esperantujo ĝis nun.

Kaj post la ekzameniĝo la karavananoj devis instrui Esperanton en diversaj landoj. Mi veturis por instrui ĝin en Ĉinio kaj en Mongolio. Ankaŭ en tiuj landoj ĉiuj miaj elspezoj estis pripagitaj, kaj mi ricevis bonan salajron.

Kaj ankaŭ en 2017 en Seulo okazis UK de Esperanto. Ĉiuj aliĝintoj al ĝi kaj ĉiuj abonantoj de revuo "Esperanto" sciis pri ĝia programo inkluzive la programeron de KAEM, en kiu estis la informoj pri la 2-a "Azia Karavano" enkadre de la UK. Multaj el la azia parto de Rusio aliĝis al la UK, sed ili tute malatentis la 2-an Azian Karavanon kaj poste demandis min, kial el Rusio neniu aliĝis al ĝi? Kaj kiel sukcesis aliĝi al ĝi 15 esperantistoj el 14 aliaj aziaj landoj?

Mia respondo estas, ke rusaj esperantistoj el la azia parto de Rusio ne interesiĝas pri la azia Esperanto-Movado kaj malatentas ĝian agadon, kvankam Rusio estas la plej granda azia lando. Ial eĉ esperantistoj el Vladivostoko ne interesiĝas, kvankam aziaj esperantistoj el najbaraj landoj estas plej proksimaj al ili.

En la programo de la UK estis kelkaj programeroj de la aziaj esperantistoj. Estis ankaŭ senpaga busa ekskurso kun Azia Karavano ĉirkaŭ Seulo. Sed neniu rusa esperantisto el la azia parto de Rusio venis al tiuj programeroj.

Laŭ mia opinio la nova REU-komisiito pri kontaktoj kun KAEM devus konatiĝi kun la gvidantoj de KAEM unuavice. Iliaj kontaktoj estas en la Jarlibro de UEA por 2017 sur paĝo 34 en informo "Azia agado". La plej kontaktema el ili estas la sekretario de KAEM Ch. Enkhee el Mongolio. La nova REU-komisiito devus aboni "Bultenon de KAEM" kaj aliĝi al la dissendolisto de KAEM por esti bone informita.
Sukcesojn!

Vladimir MININ mininvl@yahoo.com

## Japanio

### Transjara Kurskunveno en Oomoto

La Transjara Kurskunveno de Esperanto de Esperanto-Populariga Asocio okazis en Oomoto-Centro en Kameoka, de la 30a de decembro, 2017, ĝis la 2a de januaro, 2018, kiun 124 personoj partoprenis el 5 landoj.

La nombroj de partoprenantoj el Koreio estis mirakle multaj. Fakte 53 koreoj. Krome, 13 el Nepalo, 1 el Ĉinio, 1 el Hungario kaj 56 el Japanio partoprenis en ĝi. Partoprenantoj en 9 klasoj lernis nian lingvon.

Okaze de la 55a Transjara Kurskunveno de EPA en Japanio de la 30a de decembro 2017 ĝis la 2a de januaro 2018 koreaj samideanoj tre aktivis en ĝi. Imagu, ke 53 el 124 partoprenantoj estis koreoj. La kurskunveno estis kvazaŭ komuna evento de Japanio kaj Koreio.

Ĉar la kunvenejo troviĝas for de Kansaja Flughaveno, la organizantoj afable veturigis nin de la haveno ĝis la eventejo per la privata buso de Oomoto. Do estis trankvile dum 1,5-hora veturado en la fremda regiono.



Kvankam Oomoto estas unu el la religioj de Japanio, la kurso ne montris religian koloron. Je nur 10,000 enoj la organizantoj aranĝis bonkvalitajn kursejojn por tri noktoj kaj kvar tagoj, inkluzive de loĝado kaj manĝoj. Al mi ŝajnis, ke la kurso sin troviĝas en la procesoj, kiujn komencantoj devas trapasi por la lernado de Esperanto.

Mi lernis en Baza Konversacio (gvidanto : Hiromi Jano) el la 5 kursoj. Dum la kurso mi sentis, ke laŭ nacioj la prononco kaj akcento estas iom malsamaj pro lingva kutimo. Kaj ĉar en la internacia kunveno kiel Transjana Kurskunveno, oni povas rekoni kaj korekti la malsamajn partojn, do partopreni tian internacian estas grave, mi pensas.

Laŭ miaj okuloj japanoj kaj koreoj havas aliajn talentojn en diversaj kampoj. Se ili harmonie kunlaboros, la Esperanto-movado inter la du landoj povos fariĝi pli aktiva.

Por mi estis speciala sperto pasigi la finon de 2017 kaj komencon de 2018, lernante Esperanton kun eksterlandanoj. Mi dankas tiujn, kun kiuj mi havis la karan tempon, kaj estas ankaŭ dankema al la organizantoj de la Transjara Kurskunveno. (Choe Jeongcheol, Helo)

el “Lanterno Azio” n-ro 351

## Songazeto por blinduloj

S-ro Junokaŭa Mikio, blindulo loĝanta en la suda insulo Kjuuŝuu, fondis “Disvastigan Grupon de Esperanto” kaj la grupanoj laboras por blinduloj. Ili brajligas diversajn Esperanto-librojn kaj donacas ilin al la biblioteko. Krom tio li redaktas songazeton por blinduloj. Ĉiun monaton al 30 membroj estas sendita tiu gazeto kun riĉa enhavo, ekzemple Esperanto-kantoj, raporto pri Japanio, voĉlegado de legindaj libroj, opinioj kaj informoj kaj ankaŭ prelegoj okazintaj en diversaj Esperanto-aranĝoj. Por kolektado de tiuj informoj kaj voĉlegado la membroj kunlaboras. Li sola laboras por la gazeto, do ne povas plimultigi la aŭskultantojn. Tio estas bedaŭrinda afero, tamen lia laboro estas tre laŭdinda. Se vi registros aŭskultindaĵojn, sendu al mi.

HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp

# Jacugatake-Esperanto-Domo malfermiĝis




Jacugatake-Esperanto-Domo estas kursejo kaj biblioteko de Japana Esperanto-Instituto. Ĝi situas en la montara regiono 150 kilometrojn for de Tokio, do dum vintro ĝi fermas sin. La 7an kaj la 8an de aprilo okazis komitatkunsido de la Domo por malfermi ĝin. Ĝi havas du duetaĝajn konstruaĵojn; unu estas biblioteko kaj manĝejo kaj la alia estas dormejo kun 15 litoj. Ĝi estis konstruita en 1994, sed ĝi tenas sian belecon kaj purecon ankoraŭ nun kaj pli brilas kun riĉaj ekipaĵoj kaj artaĵoj. La 15 komitatanoj kunsidis por la plano en 2018, kaj poste purigis la Domon kaj kontrolis diversajn ekipaĵojn. Ĉio nun estas en bona ordo.

Inter la 20a kaj la 22a de aprilo okazis Printempa Renkontiĝo de la Domo kaj kolektiĝis 17 partoprenantoj. Dum ĝi estas neniu speciala evento. La celo de la Renkontiĝo estas, ke ĉiuj partoprenantoj pasigas tri tagojn laŭ sia volo. Tamen okazas jenaj programeroj : 1. Porcelana arto, 2. Ekskurso al la najbara akvofalo, 3. Biciklado por ĝui sakura-florojn, 4. Maĝango (ludo), 5. Kaligrafiado, 6. Esperanto-kurso, 7. Tri prelegoj (pri Koreio, hajkoj pri la nuklea akcidento kaj studsperto en Italio). Ni preparis tiujn programerojn, sed ĉeesti en ili tute ne estis devige. Bonegajn vespermanĝojn preparis du partoprenantoj ; japanstilan suŝion kaj italan kuiraĵon. Tiamaniera vivado proksimigis partoprenantojn, kiuj antaŭe ne estis amikoj, kaj ĉiuj esprimis sian volon denove partopreni en Aŭtuna Renkontiĝo.

Vizitu nian retejon :
http://www.jei.or.jp/jacugatake/index.htm

HORI Jasuo

# Raporto de la 51a Internacia Esperanto-Sumoo

Retejo: http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html
Vikipedio: https://eo.wikipedia.org/wiki/Internacia_Esperanto-Sumoo
Fejsbuko:https://www.facebook.com/groups/759066970888217/?fref=ts

La marta Esperanto-Sumoo okazis de la 18a de marto ĝis la 1a de aprilo. En ĝi partoprenis 303 homoj el 34 landoj.

**1. Nombro de partoprenantoj**




**2. Dek ĉefaj landoj**




**3. Perfektaj venkintoj (15 venkoj):** 257 el 303 (84,81%)
**4. Kvanto de legitaj paĝoj:** pli ol 15 000 paĝoj




# Libro

## Hajkoj kaj Tankaoj pri la Fukuima-Katastrofo

En marto 2011 okazis granda tertremo kaj cunamo en la norda Japanio. Kaj sekvante ilin okazis la nuklea akcidento en la nuklea centralo n-ro 1 de Fukuŝima.

Pasis 7 jaroj. En multaj urboj oni talusis la terenon kaj ekaperis novaj urboj. Sed en Fukuŝima, eksaj loĝantoj en la urboj poluitaj de radioaktiveco ne povas reloĝi en sia hejmloko. Restariĝo de Fukuŝima estas ankoraŭ en nebulo. Nuklea akcidento estas terura, longe suferigante la loĝantojn.

En tiu ĉi libro estis kolektitaj hajkoj kaj tankaoj (japanaj mallongaj versoj) versitaj de emeritaj instruistinoj de Fukuŝima. Por bone komprenigi la versojn kaj la situacion en Fukuŝima, mi metis fotojn kun eseetoj en la japana kaj Esperanto (vidu la ekzemplan paĝon sube).



ふくしまの空に二筋の飛行機雲
描いてくれぬか原発×と

**En la ĉielo de Fukuŝima**
**aperis du aviadilspuroj.**
**Ĉu ili ne skribos literon X,**
**rifuzante nukleajn centralojn?**
（Hoŝi Kikuko, Koorijama）

Mi esperas, ke por scii la realon de Fukuŝima, vi legos tiun ĉi libron kaj kune batalos kontraŭ nuklea politiko en la mondo. A4, 32 paĝoj, koloraj fotoj. 5 eŭroj, Kontaktu al HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp

# Mongolio

## Ekskurso al antikva lago Ĥuvsgul, Mongolio

Ni invitas vin al nia ekskurso en Ulanbatoro, la ĉefurbo de Mongolio, kaj Nacia Parko de Ĥuvsgul.
**Dato: 18-25 junio 2018**

**1. Ulanbatoro, la ĉefurbo de Mongolio.**

Nun Ulanbatoro havas 1.3 milionon da loĝantaro. Ulanbatoro estas politika, ekonomia, kultura, edukada kaj scienca centro de Mongolio, la plej granda urbo de la lando.

**2. Pri la lago Ĥuvsgul**

Ĝi situas en nordokcidenta parto, montarbara regiono de la lando. Naturo de la regiono estas tre pitoreska, kaj riĉa je diversaj specoj de animaloj kaj plantoj. La lago estas la plej profunda, freŝa kaj granda en Mongolio kaj estas unu el la plej antikvaj en la mondo. Mongoloj nomas la lagon blua perlo.

**3. ITINERO**

* Pri la itinero vi vidu la lastan numeron de « Esperanto en Azio ».

**KOTIZO: 856** eŭroj.

La kotizo inkluzivas 2-litan ĉambron en hotelo en Ulanbatoro, kaj en gastejo en kampadejo, tri manĝojn ĉiutage, enirbiletojn, enurban kaj kamparan transportadon. Tiu, kiu preferas 1-litan ĉambron, aldone mem pagas diferencon. La programo ŝanĝeblas pro neatenditaj kazo kaj situacio aŭ laŭ volo de ekskursantoj. Bv. mem aranĝi vian asekuron.

**Aliĝo** al Mongola Esperanto-Asocio: mn_esperanto@yahoo.com

**Fejsbuko :** https://www.facebook.com/events/180983815990173/

# Koreio

## La 36-a Namkang Esperanto-Lernejo




Ĉiun printempon kaj aŭtunon koreoj kolektiĝas al la sudorienta vilaĝeto Cheongdo ĉirkaŭ urbo Daegu, kie oni verdumas per paroloj kaj skriboj kreitaj de D-ro Zamenhof kaj kree aplikitaj de sennombraj pioniroj kaj nunaj ĉeestantoj kun verda stelo sur jako, tornistro aŭ aŭtomobilo. Ĉi-printempe ili ĝuis la 36an kursaron inter 28a kaj 29a de aprilo en Namkanga Malnova Lernejo. La lernejo jam havas la historion de ĉirkaŭ 20 jaroj. Ekstreme variis la kariero, de 6-monata esperantisto ĝis 60-jara esperantisto. 42 partoprenintoj el diversaj urboj kaj provincoj pasigis 2 tagojn, kelkaj sen nokto kaj dormo pro netolereblaj emocioj libera, paca, natura kaj feliĉa.

Post-lernejoj daŭris en urboj Busan, Daegu kaj Gimhae. La klasojn okupis la progameroj de 'Provu en Esperanto', 'Ora hakilo', '50 Esperante', 'KER-B1, B2', 'Fraza Strukturo-Infinitivo kaj Propozicio',

‘Ekzameno’ kaj prezentoj de raporto pri 2-a Trilanda Renkontiĝo en Bekasi, Indoneaio, kaj Festivalo de Literaturo en Tajvano, vojaĝo en afrikaj landoj, kaj informo pri 9-a Azia-Oceania Kongreso en Danang, Vjetnamio 2019-4-25/28.

SO Jinsu

## Sukcesa Tutlanda Vintra Kursaro

En Tutlanda Vintra Kursaro de Korea Esperanto-Asocio, kiu okazis ekde la 3a ĝis la 4a de februaro kolektiĝis 65 homoj inkluzive 7 gelernantojn kaj 2 eksterlandanojn el Aŭstralio kaj Ĉinio kaj 3 handikapulojn je vidado.

Samtempe komenciĝis kvar kursoj. Jen estas la aranĝitaj klasoj:
A1, A2 : Baza gramatiko
A3 : Baza konversacio
B1, B2, B3 : Kompreniĝo kaj utiligo de Zamenhofa Ekzercaro
C1, C2 : Instrumetodo
C3: Publika diskutado sub la temo „Kiel efike studi Esperanton”
D1, D2, D3: Libera konversacio kaj sinprezento

Krome interesaj programeroj estis aranĝitaj: Konkurso per recito kaj interpreto, Skeĉo, Danco, Ludi okarinon, ukulelon kaj harmonikon, Kanti Esperante ktp. La instrumento-ludoj estis prezentitaj de la nova rondo „Kune”.

La plej kuraĝiga fakto pri tiu ĉi Vintra Kursano estis, ke kunvenis multaj esperantistoj el ĉiu angulo de la lando por lerni nian lingvon kaj interŝanĝi amikecon unu kun la aliaj en la etoso de Esperantismo.

JOH Weonseok (Vintro), el “Lanterno Azio” n-ro 35

# Centra Azio

## ESPERANTO en CENTRA AZIO

KAEM/UEA planas reaktivigi E-movadon en la landoj de Centra Azio. Tiucele oni lanĉis jam kelkajn iniciatojn, inter ceteraj –

E-lernadon pere de enretigita E-lernolibro en http://www.gazetaro.org/mamutido/ (por rusparolantoj). Kial por rusparolantoj? Laŭ disvastigo de la rusa lingvo la Centran Azion eblas dividi je du grandaj zonoj. Al la unua zono apartenas Kazaĥio, kie pli ol 85% de la popolo scipovas la rusan lingvon, kaj al la alia – Kirgizio, Uzbekio, Taĝikio kaj Turkmenio, en kiuj la rusan lingvon scias de 20 ĝis 50% de la loĝantaro. Kazaĥaj geesperantistoj el la urbo Ĉimkent jam komencis traduki la supremenciitan E-lernolibron en sian nacian lingvon. Tio estas salutinda! Nun estas planata ĉeesta E-instruado de la aŭtoro de la lernolibro somere 2018, plej verŝajne ekde la fino de julio por 2 semajnoj. Se tio interesas iujn el mezaziaj gesamideanoj, tiam indus kaj endas esti pretaj: 1) kunvenigi 10-15 personojn por E-lernado; 2) trovi konvenan lernoĉambron (kun modernaj teknikiloj - komputilo, projekciilo, ekrano); 3) sekvi mem la kurson kaj poste daŭrigi ĝian gvidadon laŭ siaj tempaj kaj lokaj eblecoj. Pli konkretaj datoj kaj daŭro de E-kurso estos precizigotaj dum daŭro de nia korespondado. Antaŭdankon pro via reeĥo!

Татьяна Лоскутова <lota.esperanto@mail.ru>

## Projektoj de KAEM

**Projekto A: Azia Kongreso**

A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.

A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp, per la subvencio el Fondaĵo Azio de UEA.

**Projekto B: Kunlaboro**

B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso.

B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso.

B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, aprilo, julio kaj oktobro ĉiun jaron kaj sendi ĝin al pli multaj homoj en la tuta Azio.

B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:

Japanoj, Israelanoj: 20 eŭroj, Koreoj: 10 eŭroj,
Ĉinoj: 5 eŭroj, Aliaj azianoj: 2 eŭroj

B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.

B-6: Eldoni "Jarlibron de KAEM" ĉiun jaron.

B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj.

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**

C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA.

C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA. Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton.

C-3: Membrigi junajn Esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.

C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-Kongreso pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono.

**Projekto Ĉ: Edukado**

Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj.

Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj.

**Projekto D: Esperanto-libroj**

D-1: Eldoni necesajn librojn.

D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj.

D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio.

D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp al kluboj, asocioj.

# Esperanto-eventoj

## Tutmonde

### 2018

02/11-17: La 9a TutAmerika Kongreso de Esperanto (Havano, Kubo)
07/21-28: La 51a ILEI-Kongreso (Madrido, Hispanio)
07/28-08/04 : La 103a UK (Lisbono, Portugalio)
08/05-12/ : La 91a SAT-Kongreso (Kragujevac, Serbio)

**Internacia Esperanto-Sumoo**

la 52a Sumoo : 2018/05/13-27
la 53a Sumoo : 2018/07/01-08 (8 tagoj)
la 54a Sumoo : 2018/09/09-23
la 55a Sumoo : 2018/11/11-25

Retejo: http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html
Vikipedio:
https://eo.wikipedia.org/wiki/Internacia_Esperanto-Sumoo
Fejsbuko:
https://www.facebook.com/groups/759066970888217/?fref=ts

# Azio kaj Oceanio

**2018**

05/25-26: Kunloĝado de EPA (Jacugatake-E-Domo, Japanio)
05/26-27 : La 65a Kansaja Esperanto-Kongreso (Suita, Osako, Japanio)
La 10-a Junulara Seminario de Esperanto (Harbino, Ĉinio)
06/02-03: La 66a Kantoo-Esperanto-Kongreso (Tokio, Japanio)
06/18-25: Ekskurso al antikva lago Ĥuvsgul (Mongolio)
06/23-24: Intensiva Esperanto-Kurso (Saitama, Japanio)
07/06-08: La 10-a Esperanto-kongreso de la tri provincoj (Liaoning-provinco, Jilin-provinco, Heilongjiang-provinco) kaj unu aŭtonoma regiono Interna Mongolio
08/25-27 : Nur-Esperanta Kunvivado (Jacugatake-E-Domo, Japanio)
09/01: Kunloĝado de Maĉida-E-Societo (Jacugatake-E-Domo, Japanio)
09/15-17: Aŭtuna Renkontiĝo de Jacugatake-E-Domo (Japanio)
09/29-30: Toohoku-Esperanto-Kongreso (Iŭate, Japanio)

10/06-09 : La 14-a Internacia Meditado de Esperanto en Koreio
10/12-14: La 2a Komuna Esperanto-Kongreso inter Japanio kaj Koreio (La 105a Japana Esperanto-Kongreso kaj la 50a Korea Esperanto-Kongreso, Nara, Japanio)
10/27-28: Ĉuugoku-Ŝikoku-Esperanto-Kongreso (Hiroŝima, Japanio)
12/30-2019.01.02: Transjara Kurskunveno de EPA (Kameoka, Japanio)

## KAEM-anoj

Prezidanto: So Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Vic-prezidanto: Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com
Sekretario: Chimedtseren Enkhee, chimedtserenenkhee@yahoo.com

**Okcidenta kaj Centra Azio**
Israelo: Eran Vodevoz, evodevoz@yahoo.com
Irano: Hamed Sufi, sufihamed@yahoo.com
Taĝikio: Firdaus Shukurov, komintel@yandex.com
**Suda Azio**
Pakistano: Hafiz Abdul Qudoos Shafqat, aqshafqat1@gmail.com
Barato: Giridhar Rao, agiridhar.rao@gmail.com
Nepalo: Mukunda Raj Pathik, mpathik@gmail.com
**Sud-Orienta Azio kaj Oceanio**
Indonezio: (s-ino) Ilia Sumilfia Dewi, ilia.dewi@gmail.com
Vjetnamio: (s-ino) Nguyen Thi Phuong Mai, goldenprocom@gmail.com
Aŭstralio: Sandor Horvath, sandorhorvath07@gmail.com
Nov-Zelando: Bradley McDonald, bradley@nzea.org.nz
**Orienta Azio**
Ĉinio: Wang Ruixiang, lamondo@163.com
Mongolio: Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@yahoo.com
Koreio: So Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Japanio: Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com

**Honoraj prezidantoj de KAEM**
Puramo CHONG (Koreio)

Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la bulteno "Esperanto en Azio"
Lee Jungkee (Koreio): leejungkee@khu.ac.kr
Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro31@gmail.com
Wang Ruixiang (Ĉinio) lamondo@163.com

**Estrarano de UEA**

Lee Jungkee (Koreio): leejungkee@khu.ac.kr

**Retpaĝoj de KAEM**

(1) La retejo de KAEM. http://www.esperantoazia.net/
(2) Membriĝo al la retejo:
http://www.esperantoazia.tk/index.php?act=dispMemberSignUpForm
Klarigo pri la membriĝo al la retejo
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=opinioj&document_srl=356
Vi tuj gajnos la permesan rajton de la ŝanĝado de la retejo.
(3) Kion kaj kiel ŝanĝi?
A. Novaĵo - se vi havas ajnan novaĵon pri Esperanto-movado de via landa Esperanto-agado.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=novajxo
B. Azia Movado - Listo de la kongresoj kaj aranĝoj en Azio.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziamovado
C. Aziaj Kongresoj - Listo de la landaj kongresoj
Nun tute mankas informo pri kongresoj en 2017.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziajkongresoj

Nomota Hiongun KIM hiongun@gmail.com

………………………………………………………………………….

**Esperanto en Azio kaj Oceanio**
Eldonanto: Azia-Oceania Komisiono de UEA (KAEM)
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso al KAEM:
Retejo de KAEM : http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Japanio 371-0825 Gunma Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3